Jaro VII * N.° 78ª Junio * 1910

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

Augusto Jimenez Loira

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos





F-INO DOLORES SABADELL
Diputación, 280
Barcelona.—(Hispanujo)

# KION MI PENSOS

Kion mi pensos, kiam mi estos mortanta,—se nur mi tiam povos ion pensi?

Ĉu mi pensos pri tio, ke mi malbone uzis la vivon, ke mi ĝin tradormis, trasonĝis, ke mi ne sciis ĝui ĝiajn donacojn?

«Kiel? Tio jam estas la morto? Tiel rapide? Ne eble! Mi ja ankoraŭ nenion sukcesis fari... Mi nur prepariĝis, por ion fari!»

Ĉu mi rememoros la tempojn pasintajn, haltos per la penso ĉe la malmultaj, feliĉe travivitaj momentoj, ĉe karaj figuroj kaj personoj?

Ĉu stariĝos antaŭ mia memoro miaj malbonaj faroj, kaj mia animo sentos la bruligan doloron de la malfrua pento?

Ĉu mi pensos pri tio, kio atendas min post la tombo... Ĉu entute io atendas min tie?

Ne... ŝajnas al mi, ke mi penos ne pensi kaj devigos min okupiĝi per ia bagatelo, por deturni mian atenton de la minaca mallumo, de la nigra senfundaĵo antaŭ mi.

Jam en mia ĉeesto mortanto plendis, ke oni ne permesas al li manĝi nuksojn... kaj nur tie, en la profundo de liaj malklaraj okuloj, ŝanceliĝis kaj tremis io, kvazaŭ rompita flugilo de morte vundita birdo.

KABE.

*Rimarko.* Tiu ĉi rakonteto estas eltirita el la verko «Versaĵoj en prozo» de Turgeneo, eldonita de la «Libroeldonejo Esperanto», *Moskva* (Rusujo), Valorajo, dom. Serpuhovskogo mon., kv. 5.

# ŜAKFAKO

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

ŜAKPROBLEMO N.º 1

Originale verkita por La Suno Hispana de VALENTÍN MARÍN el Barcelono kaj dediĉata al la projektata Ŝ. E. T. A.

NIGRO (12)



BLANKO (7)

**Ekludante, Blanko ŝmatos per la TRIA almovo.**

---

# Sakturniro en Barcelono

La 1an de Decembro de 1909 komenciĝis en Barcelono Ŝakturniro, kies celo estas vigligi en Hispanujo kaj precipe en tiu ĉefurbo, la emon al ŝakarto kaj starigi la Barcelonan Ĉampionecon pri ŝakludo. Tiu Ŝakturniro okazis en la «Sala Imperio», renkontejo en tiu urbo de la tieaj ŝakamantoj. En ĝi partoprenis 20 ŝakludantoj kaj ĉar en ĝi estis unu ano el Kuba Insulo, alia el Puerto Rico kaj alia el Germanujo, oni povas diri ke tiu Ŝakturniro havis internacian karakteron. Krom la titolo de *Campiono* (*) estis donacataj dekunu pliaj premioj kaj ses eksterordinaraj por ŝakspecialaĵoj, kiujn ni prinotas poste. Estis nomata Direktoro kaj Juĝanto por solvi dubojn en tiu Ŝakturniro nia estimata kunlaboranto, la lerta ŝak-isto S-ro Jozefo Paluzie, kiu kune kun la fama ŝakludfinverkisto Mr. Henri Rinck, kaj S-ro Esteban Estorch, fama ŝak-isto de Barcelono, ekzamenis ĉiujn luditajn ŝakludadojn (380). La Premioj konsistis el mono, artaj objektoj kaj ŝaklibroj. Tiu Ŝakturnino finiĝis la 22-an de Marto de 1910 kaj la rezultato estas la jena:

(*) *Campeón* (hispane); *Campione* (itale); *Champion* (france); *Champion* (angle); *Vorkämpfer* (germane).

# PREMIITARO EL LA BARCELONA ŜAKTURNIRO POR STARIGI LA URBAN CAMPIONECON

| | Poentoj | Nombro da Ŝakludadoj | | |
|---|---|---|---|---|
| | | Gajnitaj | Kvitaj ludoj | Malgajnitaj |
| 1. S-ro Francisco Martino (Málaga), (*Campiono*). . . . . . . . | 28 1/2 | 23 | 11 | 4 |
| 2. » Domingo Sala (Barcelono), (aliĝinto al la Ŝ. E. T. A.). . . . . | 26 | 25 | 2 | 11 |
| 3. » Esteban Puig (Barcelono), (aliĝinto al la Ŝ. E. T. A.). . . . . | 23 1/2 | 20 | 7 | 11 |
| 4. » Carlos López (Puerto Rico).. . . | 23 | 18 | 10 | 10 |
| 5. » Enrique Flaquer (Barcelono). . . | 23 | 21 | 4 | 13 |
| 6. » Juan Capdevila (Barcelono). . . | 22 | 20 | 4 | 14 |
| 7. » Blas Zaro (Zaragoza). . . . . . | 21 1/2 | 29 | 3 | 15 |
| 8. » Emilio Ardévol (Barcelono). . . | 21 | 17 | 8 | 13 |
| 9. » Francisco Castellá (Barcelono). . | 20 1/2 | 16 | 9 | 13 |
| 10. » Augusto Del Valle (Havano).. . | 20 | 17 | 6 | 15 |
| 11. » Juan J. Reverter (Tarragona). . . | 20 | 16 | 8 | 14 |
| 12. » Benito Sevilla (Gerona). . . . | 20 | 15 | 10 | 13 |

Al la ceteraj nepremiitaj partoprenantoj estis donacataj ŝakverkoj. Jen ili:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 13. S-ro Leopoldo Lafuente (Palencia). . . | 19 1/2 | 17 | 5 | 16 |
| 14. » Manuel González (Avila).. . . . | 18 1/2 | 17 | 3 | 18 |
| 15. » José Puntas (Barcelono). . . . . | 16 1/2 | 15 | 3 | 20 |
| 16. » Bartolomé Estades (Balearaj Insuloj) | 16 1/2 | 16 | 1 | 21 |
| 17. » Manuel Zaragoza (Barcelono). . . | 15 1/2 | 10 | 11 | 17 |
| 18. » Henburt Kohlmann (Germanujo). . | 15 | 11 | 8 | 19 |
| 19. » Luis Mestres (Tarragona). . . . | 5 1/2 | 4 | 3 | 31 |
| 20. » Carlos Godoy (Granada).. . . . | 4 | 4 | 0 | 34 |

(Ludo gajnita egalvarolas unu poenton kaj ludo kvita duonpoenton).

## LA SPECIALAJ PREMIOJ ESTAS:

S-ro Domingo Sala.—Gajninto de la plej granda nombro da ŝakludadoj.
» Blas Zaro.—Ludinto de la plej belega ŝakludado.
» Emilio Ardévol.—Disvolvanto de bonegaj ludkomencoj.
» Benito Sevilla.—Ludinto de la plej bona ludfino.
» Esteban Puig.—Plej korekta ludinto.
» José J. Reverter.—Ludanto de la plej belega ŝmato.

La notindaj ŝakludadoj estas publikigataj en la Barcelona ĵurnalo *Las Noticias*, kies ŝakredaktoro estas nia kunlaboranto D-ro Esteban Puig.

Ni finas nian raporton gratulante la iniciatinton de tiu Ŝakturniro S-ron Julio Valenzuela, amerikano tiel fervora pri la ŝakarto, kiel malavara, kaj la organizanton kaj animon de ĝi S-ron Esteban Puig, kiu plenumis sian taskon per la agemeco kaj lerteco, kiuj lin karakterizas.

Estas rimarkinde en tiu Ŝakturniro ke en ĝi oni ludis (unuafoje en Hispanujo) per helpo de horloĝoj taksantaj la tempon, po 20 almovoj hore.

★ En venontajn numerojn ni publikigos notindajn Ŝakludadojn el tiu Ŝakturniro.

# Kroniko

Kun iliaj familiaj, ni bedaŭras la perdon de sinjoroj

† Juan de Dios Peza, meksika poeto, kiu kvankam ne lerninte esperanton, li ĝin protektis kaj disvastigis fervore.

† Paul Cazeaux, malnova agema entuziasma propagandisto el Bordeaux (Francujo).

† Kolonelo Saudier unu el la plej fervoraj francaj samideanoj.

Okaze treege interesa Japan-Brita ekspozicio, kiu okazas en Shepherd's Bush (London'o) de Majo, kaj finiĝos ĉe Oktobro, la esperantistoj el **Anglujo**, laŭ decido de la Konsilantaro de la «Brita Esperantista Asocio», solenigos en ĝi sian jaran *festan tagon* de la 10ª ĝis la 13ª de Junio.

Grava kompanio «Illuminating Engineering Society alprenis esperanton por la korespondado.

Laŭ nia tre kara *The British Esperantist*, sub la prezido de lia moŝto pastro E. C. Davies fondiĝis en Londono, 23, Arcadian-Gardens, Wood Green, sub la nomo «Tutmonda Preĝligo», societo kun jenaj celoj:

1. Instigado al preĝoj por:

*a)* Pli profundigo de l'spirita vivo.

*b)* Regantoj kaj leĝofarantoj, ke ili estu instigantaj de la Spirito de Jesuo Kristo.

*c)* Suprenlevado de subpremitaj popoloj kaj klasoj, spirite kaj sociale.

*d)* Universala paco kaj bonvolo.

*e)* Misioj, enlandaj kaj eksterlandaj.

2. Kuntirado de ĉiulandaj, Kristanaj preĝejanaroj, kristan-celadaj societoj kaj similaj preĝorondoj, per laŭsistema interŝanĝo de leteroj kaj raportoj kaj per laŭregulaj propetoj unu por la alia.

«Dua Belga Esperantista Kongreso» kaj «Esperanto dum la Internacia Ekspozicio de Bruselo» havas sugestajn pro-

# Crónica

Con sus familias lamentamos la pérdida de los señores

† Juan de Dios Peza, poeta mejicano, que aun cuando no aprendió el esperanto, lo protegió y propagó fervorosamente en su país.

† Paul Cazeaux, antiguo activo entusiasta propagandista de Burdeos (Francia).

† Coronel Saudier, uno de los más fervorosos samideanos franceses.

Con motivo de la interesantísima exposición Anglo-Japonesa, que se hace en Shepherd's Bush (Londres) desde Mayo, y terminará en Octubre, los esperantistas de **Inglaterra**, según determinación del Consejo de «Brita Esperantista Societo», celebrarán en ella su *día de fiesta* anual del 10 al 13 de Junio.

La importante compañía «Illuminating Enginering Society», ha adoptado el esperanto para la correspondencia.

Según nuestro muy querido *The British Esperantist*, bajo la presidencia del Rev. señor sacerdote E. C. Davies, se ha fundado en Londres, 23, Arcadian-Gardens, Wood Green, con el nombre de «Liga de oración de todo el mundo», una sociedad con los siguientes propósitos:

1. Inducir á la oración para:

*a)* Mayor profundizamiento de la vida espiritual.

*b)* Que los gobernantes y legisladores se inspiren en el Espíritu de Jesucristo.

*c)* Enaltecimiento de los pueblos y clases oprimidas, espiritual y socialmente.

*d)* Paz y buena voluntad universales.

*e)* Misiones indígenas y exóticas.

2. Concentración de las cofradías cristianas de todos los países, sociedades con cristianos propósitos y semejantes círculos de oración, por el sistema de cambio de cartas y relatos, y por regularizada reciprocidad entre ellas.

«El Segundo Congreso Esperantista» y «El Esperanto durante la Exposición Internacional de Bruselas», tiene progra-

gramojn kaj montras kiom en **Belgujo** esperantistoj kaj ne esperantistoj ŝatas esperanton, kies tiea progresado estas rimarkinda.

«La fluganta brigado» estas nomo de grupo de Antverpen'aj geesperantistoj-velocipedistoj, kiuj celas organizi biciklajn ekskursojn kaj dum ili fari propagandon pri esperanto.

Nia kara kolego *Lumo* sciigas nin pri esperantaj laboroj ĉe multaj urboj el **Bulgarujo** kaj pri la decido, ke la kvara Kongreso de Bulgara Esperantista Ligo okazos en Sofio.

La lerta esperantisto kaj klera sinjoro Skeel-Giorling el **Danujo**, estis nomata reprezentanto de «Esperantista Centra Oficejo» ĉe la «Internacia Ekspozicio de Bruselo».

Fine de la proksima Aŭgusta monato okazos en Kopenhago Esperantista Kongreso, kiu estos tre interesa tial ke samtempe estos tie «Internacia Laborista Kongreso» ĉe kiu unu el la traktotaj temoj estas «Enkonduko de internacia lingvo».

Laŭ nia kara *Juneco* jam estas du mil junuloj esperantistaj en **Franclando** kaj ĉie estas junula movado. Antaŭen idoj bonaj! Via estas la estonteco, via la gloro!

Laŭ bona propagandisto *Le Monde Esperantiste*, ekzistis en Francujo en Aprilo ducent dekok grupoj esperantistaj.

La «Katolika Kongreso» okazinta en Parizo, estis sukcesego por la katolikismo kaj por Esperanto, laŭ katolikaj kaj ne katolikaj personoj kaj gazetoj. Multaj esperantistoj imitos la katolikojn por aliaj komunaj interesoj, kaj multaj katolikoj fariĝos esperantistoj, ĉar unua katolika kongreso montris, ke esperanto estas bonega ilo por katolika propagando kaj por aliaj katolikaj aferoj. La dua kongreso okazos en Hago (Nederlando).

mas sugestivos y demuestra cuanto en **Bélgica** esperantistas y no esperantistas gustan del esperanto, cuyo progreso allí es notable.

«La fluganta brigado» (La Brigada que vuela), es el nombre de un grupo de esperantistas-velocipedistas de ambos sexos de Amberes, que se propone organizar excursiones, y durante ellas hacer propaganda de esperanto.

Nuestro querido colega *Lumo* nos da noticias de trabajos esperantistas en muchas poblaciones de **Bulgaria** y de la decisión de que el Cuarto Congreso de la Liga Bulgara Esperantista tenga lugar en Sofía.

El consumado esperantista é ilustrado Sr. Skeel-Giorling de **Dinamarca**, ha sido nombrado representante de «Esperantista Centra Oficejo» en la «Exposición Internacional de Bruselas».

A fines del próximo mes de Agosto, tendrá lugar en Copenhague un Congreso Esperantista, que será muy interesante, porque al mismo tiempo habrá allí un «Congreso Internacional de trabajadores», en el cual, uno de los temas que se han de tratar es la «Adoptación de una lengua internacional».

Según nuestro estimado *Juneco* ya hay dos mil jóvenes esperantistas en **Francia** y en todas partes movimiento de los jóvenes. Adelante, buenos descendientes! El porvenir es vuestro, vuestra es la gloria!

Según el buen propagandista *Le Monde Esperantiste*, había en Francia, en Abril, doscientos diez y ocho grupos esperantistas.

El «Congreso Católico» que se ha verificado en París, ha sido un exitazo para el Catolicismo y para el Esperanto, según católicas y no católicas personas y periódicos. Muchos esperantistas imitarán á los católicos para otros intereses comunes y muchos católicos se harán esperantistas, porque el primer Congreso ha demostrado que el esperanto es un buen instrumento para la propaganda católica y para otros asuntos católicos. El segundo Congreso se verificará en la Haya (Holanda).

Sub la nomo *Bulletin Officiel* de la «Société Française pour la propagation de l'Esperanto» ĉi tiu societo eldonas, de lasta Aprila monato, propran organon, kiun ni korege salutas Plie ĝi sin okupas, okaze la diputataj elektadoj por ke la esperantistoj elektontoj sciigu siajn voĉdonotajn kandidatojn sian deziron, ke oni instruu esperanton ĉe la publikaj lernejoj.

Franca humora gazeto *Pages Folles* eldonata en Parizo kaj tre konata, ĵus komencis la publikigon de rebusoj en esperanto. Ĝi daŭrigos publikigi ĉiuspecajn konkursojn en esperanto kun multvaloraj premioj, sed nur se ĝi ricevos por tiu unua provo sufiĉan nombron da respondoj. Por pluaj sciigoj sin adresu al la redakcio, 92, rue Saint Lazare.

Esperantista grupo de Blois'o estas organizinta ekskurson tra la kasteloj de la Centra Francujo, de la 15ª ĝis la 22an de Aŭgusto. Oni vizitos tiujn famajn de Chambord'o Blois'o, Amboise'o, Chenonceaux'o, Versailles'o kaj Trianon'o.

La 14an kaj 15an de Aŭgusto okazos en Limoges «Granda Internacia Konkurso» de ĉiaj muzikistaroj kaj muzikiloj, prezidota de la famaj majstroj Massenet kaj Saint Saenz.

Tiea grupo esperantista tion sciigas al tutmondaj samideanoj kaj sin prezentas al la irontoj, pro kio ĝi havos dum la konkurso esperantista oficejo en la urba domo.

Sinjoroj Jourdan, Astruc kaj K.º el Parizo, konstruis aeroplanon, kies nomo estas «Esperanto».

*La Esperantisto* estas nomo de gazeto monata internacia, politiko, scienco, literaturo, arto, sporto, komerco kaj humoro, kiu redaktas kaj aldonas po 4.700 ekzempleroj sinjoro Fritz Stephan el Leipzig (**Germanujo**). Ni ekkonas kun ĝi per ĝia kvara numero de la dua jaro, kiun ni ĵus ricevis petante interŝanĝon. Ni plezurege tion akceptas.

S-ro Elb tradukis germane la propagandan broŝureton de franca leŭtenanto Bayol *Esperanto* kaj *Ruĝa Kruco*.

Con el nombre de *Bulletin Official* de la «Société Française pour la propagation de l'Esperanto», esta sociedad edita desde el último mes de Abril un órgano propio, al cual cordialmente saludamos. Además, se ocupa, con motivo de las elecciones de diputados, de que los esperantistas electores hagan saber á los candidatos, á quienes hayan de votar, su deseo de que se enseñe el esperanto en las escuelas públicas.

El periódico humorístico francés *Pages Folles* que se edita en París y es muy conocido, ha empezado ahora la publicación de acertijos en esperanto. Continuará publicando toda clase de concursos con importantes premios, pero sólo si recibe para la primera prueba número suficiente de respuestas. Para más noticias diríjanse á la redacción, 92, rue Saint Lazare.

El grupo esperantista de Blois ha organizado una excursión á los castillos del Centro de Francia, del 15 al 22 de Agosto. Se visitarán los famosos de Chambord, Blois, Amboise, Chenonceaux, Versalles y Trianon.

El 14 y 15 de Agosto se verificará en Limoges un «Gran Concurso Internacional» de toda clase de músicos é instrumentos, presidida por los famosos maestros Massenet y Saint Saens.

El grupo esperantista de allí lo hace saber á los samideanos de todas las naciones y se ofrece á los que vayan, para lo cual tendrá durante el concurso una oficina esperantista en la casa Ayuntamiento.

Los Sres. Jourdan, Astruc y C.ª de París, han construído un aeroplano, cuyo nombre es «Esperanto».

*La Esperantisto* es el nombre de un periódico mensual internacional dedicado á política, ciencia, literatura, arte, sport, comercio y sátira que redacta y edita á razón de 4.700 ejemplares el Sr. Fritz Stephan de Leipzig (**Alemania**). Empiezan nuestras relaciones por su cuarto número del segundo año, que acabamos de recibir pidiendo cambio. Con muchísimo gusto lo aceptamos.

El Sr. Elb ha traducido al alemán el folleto de propaganda francés del teniente Bayol, *Esperanto y Cruz Roja*.

La Aprilaj numeroj de niaj estimataj *Germana Esperantisto* kaj *Germana Esperanto-Gazeto*, raportas pri faktoj, kiuj montras agemecon de kvardek-kvar grupoj, kaj pri artikoloj de la germana presaro, emaj al nia afero.

En Augsburgo (**Bavarlando**) oni faras preparojn por la Kongreso de «Universala Esperanto Asocio», kiu okazos de la 28ª de Julio ĝis la 3.ª de Aŭgusto proksimaj. La kongreskarto kostas 3 Sm. kaj por ne ĉeestontoj, sed nur helpkongresanoj, 1 Sm.

Anoj de «Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio» tie kunvenos la 1an, 2an kaj 3an de Aŭgusto.

La germanaj registaroj komencas interesiĝi pri Esperanto, kaj deziras precisan statistikon pri kiom da grupoj kaj grupanoj ekzistas en la mondo. Kolektas ci tiujn sciigojn D-ro Schramm redaktoro de la *Universo*, Dresden, 20. **Germanujo.**

En Alkmaro (**Hollando**) fondiĝis grupo kaj en Hago progresas klubo de tramistoj «Ĉiam Antaŭen», monhelpita de la direktoro de la tramsocieto.

Jam en **Italujo** esperanto eniris en larĝan vojon; okazis en Firenzo la unua kunveno de la italaj esperantistoj, kiu decidis difini la urbon Genova'on, kiel sidejo de la dua itala Kongreso, inviti Internacian Esperantistan Kongreson en Italujo en 1913ª kaj fondi propagandan gazeton. Ĝi jam aperis, ĝia nomo estas *Bolletino mensille de la Associazione Esperantista Florentina* kaj ni deziras al ĝi plenan sukceson sendante al ĝi koregan saluton.

En Ĉinakota'o (**Kolombio**) fondiĝis esperantista grupo.

*El Heraldo* el Matelmala'o (**Meksikujo**) dediĉas fakon por la propagando de Esperanto. S-ro Fonsanta, en *El Paladín* el Meksiko, daŭrigas siajn artikolojn samcele. Kaj *Verda Stelo* kaj *Esperanta Gazeto*, niaj tieaj karaj kolegoj, sciigas nin pri ĵus starigita grupo en Zamora'o kaj pri aliaj esperantaj progresoj.

Los números de Abril de nuestros estimados *Germana Esperantisto* y *Germana Esperanto-Gazeto*, hacen referencias á hechos que demuestran actividad, de cuarenta y cuatro grupos y á artículos de la prensa alemana afectos á nuestro asunto.

En Augsburgo (**Baviera**) se hacen preparativos para el Congreso de «Universala Esperanto Asocio», que tendrá lugar del 28 de Julio al 3 de Agosto próximos. El billete de socio cuesta 3 Sm. y para los que no hayan de ir, sino que hayan de ser sólo auxiliares, 1 Sm.

Socios de «Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio», se reunirán allí el 1, 2 y 3 de Agosto.

Los gobiernos alemanes empiezan á interesarse por el Esperanto, y desean una precisa estadística de la cantidad de grupos y socios que existen en el mundo. Colecciona estas noticias el Dr. Schramm, redactor de el *Universo*, Dresden, 20. **Alemania**.

En Alkmaro (**Holanda**), se ha fundado un grupo, y en La Haya progresa el Club de empleados de tranvías «Ĉiam Antaŭen», con auxilio monetario de la Sociedad de tranvías.

Ya en **Italia** ha emprendido el esperanto ancho camino; en Florencia se ha verificado la primera reunión de los esperantistas italianos, quienes han decidido designar la ciudad de Génova para el segundo Congreso, invitar á un Congreso Internacional Esperantista en Italia, en 1913, y fundar un periódico de propaganda. Ya ha aparecido, su nombre es *Bolletino mensille de la Associazione Esperantista Florentina*, y nosotros le deseamos un éxito completo al enviarle cariñosísimo saludo.

En Chinácota (**Colombia**), se ha fundado un grupo esperantista.

*El Heraldo* de Matelmala (**Méjico**), dedica una sección á la propaganda del Esperanto. El Sr. Fonsanta, en *El Paladín* de Méjico, continúa sus artículos con el mismo propósito. Y *Verda Stelo* y *Esperanta Gazeto*, nuestros queridos colegas de allí, nos informan del recién creado grupo en Zamora y de otros esperantos progresos.

En **Rumanujo** esperanto etendiĝas, kaj estas grava fakto, ke oni sukcesis enkonduki ĝin en la oficialan programon de la kursoj ĉe la plenkresknaba lernejo «General Adrian»..

Ĉe Petersburga universitato kaj ĉe aliaj rusaj sciencejoj, estas esperantistaj rondoj kaj oni lernas esperanton, kiu ankaŭ progresas en multaj urboj kaj vilaĝoj el **Rusujo**.

Rusa gazeto erare diris, ke eminenta S-ro Leono Tolstoi nun malaprobas nian lingvon.

Viln'a esperantisto S-ro Gerŝater pri tio demandskribis la famkonatan Grafon, kiu per sia sekretario ĝentile respondas, ke antaŭ dek-kvin jaroj li eldiris sian simpation al esperanto kaj ke saman opinion pri ĝi li havas ankaŭ nuntempe.

Pruvo de la antaŭeniro de esperanto en **Serbujo** estas la ĵus eldono de *Serba Esperantisto*, gazeto organo de *Serba Esperantista Societo.* Ni korege salutas nian novan kolegon, dezirante al ĝi longan vivon por la plej bona kaj senĉesa propagando de esperanto en tiu simpatia lando.

*Sveda Esperantisto*, gazeto, kiun de nun oni publikigas en **Svedujo**, al kiu ni deziras longan bonegan vivon, kaj ni akceptas kun kora bondeziro, sciigas pri tiea grava movado favore al nia kara lingvo kaj pri esperantista ekskurso en Svedujo, kies programo rilatas al sugestiaj festoj de la 21ª ĝis la 29ª de la proksima Julio.

Nian bonvenon kaj bonajn dezirojn al *Anda Lumo*, esperantista gazeto, kiu publikiĝas en **Venezuelujo** kaj kies unuan numeron ni ricevis.

En tiu lando, de longa tempo estas fervoraj esperantistoj kaj kelkaj grupoj, kies nombro nedube pligrandiĝos per tiel taŭga propagandilo kaj pro fondo de propaganda asocio, kies titolo estas «Taĉira Esperanta Societo» kaj ĝia sidejo San Kristobal'o.

La Alikante'a grupo festis la tiean ĉeeston de S-ro Inglada, nia kara submajstro. Unue la grupanoj lin vizitis en lia kampa domo kaj poste ĉiuj tieaj espe-

En **Rumanía** el esperanto se extiende y es un hecho importante que se haya logrado introducirlo en el programa oficial de los cursos de la escuela de adultos «General Adrian».

En la universidad de Petersburgo y en otros centros docentes rusos, hay rondas esperantistas y se estudia el esperanto, que también progresa en muchas ciudades y villas de **Rusia.**

Un periódico ruso dijo erróneamente, que el Sr. León Tolstoi desaprobaba ahora nuestro idioma.

El esperantista de Viln, Sr. Gerŝater, escribió preguntándoselo al famoso Conde, quien, por su secretario atentamente contestó, que hace quince años que manifestó su simpatía al esperanto y que la misma opinión respecto á él tiene ahora.

Prueba del avance del esperanto en **Servia** es la reciente publicación de *Serba Esperantisto*, periódico órgano de *Serba Esperantista Societo.* Cariñosísimamente saludamos á nuestro nuevo colega, deseándole larga vida para la mejor é incesante propaganda del esperanto en aquel simpático país.

*Sveda Esperantisto*, periódico que desde ahora se publica en **Suecia**, al que deseamos larga y magnífica vida y recibimos con cariñosa enhorabuena, nos entera de importante movimiento allí, favorable á nuestro querido idioma y de excursión esperantista á Suecia, cuyo programa se refiere á sugestivas fiestas del 21 al 29 del próximo Julio.

Nuestra bienvenida y buenos deseos á *Anda Lumo (Luz de los Andes)*, periódico esperantista que se publica en **Venezuela** y cuyo primer número recibimos.

En aquel país hace tiempo que hay fervorosos esperantistas y algunos grupos, cuyo número aumentará indudablemente por tan oportuno instrumento de propaganda y por fundación de una sociedad de propaganda, cuyo título es «Taĉira Esperanta Societo» y su domicilio San Cristobal.

El grupo de Alicante ha festejado la presencia allí del Sr. Inglada, nuestro querido submaestro. Primeramente los socios le visitaron en su casa de campo y des-

rantistoj kunvenis en salonon de societo «Montepío Mercantil», kie S-ro Josefo Ortiz prezentis la kleran kapitanon, kiu faris bonegan instruan paroladon pri esperanto. Laste li kaj S-ro Antonjo de P. Bonet legis belajn versaĵojn, kaj leŭtkolonelo S-ro Elizaicin, prezidanto de la Alikante'a grupo dankis la geĉeestantojn pri ilia alveno. Pri ĉio tio bone rilatis tiea gazeto *El Magisterio de Alikante.*

Kun centoj da anoj kaj kelkaj societoj aliĝitaj, fondiĝis federacio de la provincoj Barcelona'o, Gerona'o, Lerida'o kaj Tarragona'o, sub la titolo «Esperanta Kataluna Federacio».

Klopodoj de sinjoro inĝeniero Rodrigo Varo sukcesis pri starigo de grupo en Anglés'o (Gerona'o). Ĝia direkta komitato estas: S-ro Varo, Prez. kaj Prof.; sinjoro Malagarriga, Vic.; F-ino Carmen'o Cendra, Sek-ino.; S-ro Bermudez, Bib. kaj Kas.; S-ino Concepcion Roda kaj F-inoj Dolores Miralpeix kaj Maria Feliu, voĉdonantinoj.

La presaro de tiu regiono daŭrigas publikigadon de favoraj priesperantaj artikoloj.

Kelkaj samideanoj el Barcelono regalis per lunĉo S-inon Chalmot kaj sinjoron Zapater, geblinduloj, okaze ilia geedziĝo. La festo estis ekstreme gaja kaj je ĝia fino oni donacis al la geedzoj belan juvelon.

Ĉe la grupo «Universala Harmonio» oni malfermis novajn esperantajn kursojn.

En kvartalo «Las Corts», estas fondita grupo nomita «La Rondo», kie ankaŭ oni instruas esperanton.

Sinjoro profesoro Suñé faris belan paroladon ĉe grupo «Paco kaj Amo» por prezenti, de li elpensitan, lernejan skribtablon higienan kaj oportunan.

La Barcelona'a grupo «La Kvinpinta Stelo», nomis la jenan novan komitaton S-roj Manuel de la Fuente, Prez.; Budí, Vic.; Llorach, Sek.; Viger, Vic.; Valero,

pués todos aquellos esperantistas se reunieron en un salón de la sociedad «Montepío Mercantil», donde el Sr. José Ortíz presentó al inteligente capitán, que hizo un magnífico discurso instructivo de esperanto. Por último, él y el Sr. Antonio de P. Bonet, leyeron bellas poesías y el Teniente Coronel Sr. Elizaicín, presidente del grupo, agradeció á los y las presentes su asistencia. Respecto á todo ello hace una buena relación el periódico de allí *El Magisterio de Alicante.*

Con cientos de socios y algunas sociedades adheridas, se ha fundado una federación de las provincias Barcelona, Gerona, Lérida y Tarragona, con el título de «Esperanta Cataluña Federacio».

Los pasos del ingeniero D. Rodrigo Varo, han obtenido el éxito de la fundación de un grupo en Anglés (Gerona). Su junta directiva la forman: Sr. Varo, Presidente; Sr. Malagarriga, Vice; Srta. Carmen Cendra, Secr.; Sr. Bermudez, Bib. y Caj.; Sra. Concepción Roda y Srtas. Dolores Miralpeix y María Felíu, Vocales.

La prensa de aquella región prosigue la publicación de favorables artículos referentes al esperanto.

Varios samideanos de Barcelona han obsequiado con un lunch á la Sra. Chalmot y al Sr. Zapater, ambos ciegos, con ocasión de su matrimonio. La fiesta fué en extremo alegre y al fin de ella fueron obsequiados los esposos con una bonita joya.

En el grupo «Universala Harmonio», se han empezado nuevos cursos de esperanto.

En el barrio «Las Corts», se ha fundado un nuevo grupo llamado «La Rondo», donde también se enseña esperanto.

El señor profesor Suñé ha hecho un buen discurso en el grupo «Paz y Amor» para dar á conocer una mesa escritorio para colegios, inventada por él, higiénica y cómoda.

El grupo de Barcelona «La Kvinpunta Stelo», ha nombrado el siguiente nuevo comité: Sres. Manuel de la Fuente, Pres.; Budí, Vic.; Llorach, Sec.; Viger, Vic.;

Kas.; Pipó, Kalk.; Escandell, Bib; Agell, Puig, Asencio kaj Corbi, Voĉdonantoj.

S-roj Rafaelo Robles, García Martínez, M. Franco, Rosique, Ortolá kaj esperantisto 18.645, per sciigoj aŭ per bonaj artikoloj en la gazetoj el Kartagena'o *La Mañana*, *La Tierra* kaj *El Porvenir*, faras grandegan propagandon en tiu regiono.

Sinjoroj profesoro Ortolá kaj Kostŭfuso propagandas esperanton en La Unión (Murcia), kaj tie starigis grupon.

*La Tarde de Lorca*, gazeto de Lorca (Murcia), enpresis bonan artikolon de S-ro García Martínez, incitante gravajn urbojn de tiu regiono sekvi la mondan esperantistan movadon.

S-ro Francisco García Sánchez, el Los Dolores (Cartagena'o), kelkaj fojoj iris Marselja'o pro komercaj aferoj kaj, kompreneble, li estis tie frendulo. Sed nun li reiris estante esperantisto, parolante nian karan lingvon, kaj li sin trovis en Esperantuja urbo, kie la samideanoj estis por li ankoraŭ pli ol patrujanoj, estis por li samfamilianoj.

En Madrido stariĝis societo «Esperanto-Ruĝa Kruco» kaj estis nomitaj liaj moŝtoj S-roj: Romano Ayza, Prezidanto; Kapitano Generalo Polavieja, Honora Prezidanto; Generala Inspektoro de Arbaroj, Kodorniu, Honora Vicprezidanto.

En sama ĉefurbo fondiĝis, post bonega propagando de nia kara amiko sinjoro Ayza, en grava ilustrita gazeto *A B C*, «Hispana Societo de Militistaj esperantistoj», kies celo estos propagandi nian karan lingvon inter hispanaj, teraj kaj maraj, militistoj.

Societo «Agrupació Foment de la Sardana» el Mataró (Barcelona'o) malfermis esperantan kurson, klarigita de lerta esperantisto S-ro Pipó, delegito de Barcelon'a grupo «La Kvinpinta Stelo».

Gazeto *La Razón* el Morón (Sevilja), publikigas bonan propagandan artikolon subskribita per pseudonimo *Didvolo*.

Valero, Caj.; Pipó, Cont.; Escandell, Bib.; Agell, Puig, Asencio y Corbí, Vocales.

Los Sres. Rafael Robles, García Martínez, M. Francos, Rosique, Ortolá y esperantista 18.645, con noticias ó con buenos artículos en los periódicos *La Mañana*, *La Tierra* y *El Porvenir*, hacen inmensa propaganda en aquel país.

Los señores profesor Ortolá y Costufuso, hacen propaganda del esperanto en La Unión, y han fundado allí un grupo.

*La Tarde de Lorca*, periódico de Lorca (Murcia), imprimió un buen artículo del Sr. García Martínez, incitando á las poblaciones importantes de aquella región á seguir el movimiento esperantista del mundo.

El Sr. Francisco García Sánchez, de Los Dolores (Cartagena), algunas veces ha ido á Marsella para asuntos comerciales y naturalmente, era allí un extranjero. Pero ahora ha vuelto siendo esperantista y hablando nuestro querido idioma, y se encontró en una ciudad de Esperanto, en la que los samideanos fueron para él aún más que compatriotas, fueron para él de la familia.

En Madrid se ha fundado la sociedad «Esperanto-Cruz Roja», y han sido nombrados los ilustres Sres. Román Ayza, Presidente; Capitán General Polavieja, Presidente honorario; Inspector General de Montes, Codorniu, Vicepresidente honorario.

En la misma capital se ha fundado después de magnífica propaganda de nuestro querido amigo Sr. Ayza, en el importante periódico ilustrado *A B C*, la «Sociedad Española de Esperantistas Militares», cuyo fin será propagar nuestro querido idioma entre los militares españoles de mar y tierra.

La sociedad «Agrupació Foment de la Sardana» de Mataró (Barcelona), ha abierto un curso de esperanto, que explica el inteligente esperantista Sr. Pipó, delegado del grupo de Barcelona «La Kvinpinta Stelo».

El periódico *La Razón* de Morón (Sevilla), publica un buen artículo de propaganda, suscrito con el pseudónimo *Didvolo*.

Okaze «Floraj Ludoj» okazontaj en Palma (Maljorka Insulo) dum «Sporta Semajno», «Esperantista Klubo» de tiu urbo proponis premion por skribaĵo en kiu ajn lingvo parolanta en hispanujo (galjege, kastile, katalane, maljorke, vaskone, k. t. p.), kies temo estas «Esperanto kiel rimedo por esprimi novajn ideojn».

Sendu la verkojn antaŭ la deka de Junio al S-ro Nikolao Dameto, Sekretario de la «Floraj Ludoj».

En Sabadeljo (Barcelona'o) fondiĝis grupo «Esperanta Fako» de «La Academia Katólika». Estis nomitaj S-roj Johano Mayor, Prezidanto; Vincento Castanjo, Vicprezidanto; Bartolomeo Villar, Sekretario; Tomaso kaj Antonjo Penalva, Voĉdonantoj.

Tie instruas esperanton S-roj Torruella kaj Martí.

La grupanoj de Simat de Valldigna (Valencia), nomis por la jena nova komitato, S-rojn Mansanet (Johano), Prez.; Mansanet (Tomaso), Vic.; Serrano, Sek.; Solanes, Vic.; Oltra, Kas.; Mansanet (Aurelio), Kalk.; Mansanet (Leonardo), Bib.; Boigues kaj Llaser, Voĉ.; Mansanet (Francisko) kaj Ivars, Direktoroj.

En Suskeda'o, malgrandeta vilaĝo de la Gerona'a provinco, starigita en aparta loko, inter montegoj, la pastroj kaj aliaj tieaj personoj fervorege studas esperanton.

S-roj Puig y Soler, konitaj fabrikistoj de ĉokolado, str. San Vincento, n.º 202, Valencia'o, elpensis bonegan klason fosfatita, marko «Esperanto», kiun ili vendas po 1'50 pesetoj (198 Sp.) funto. Rekomendinda por la infanoj kaj por ĉiu persono sangmalriĉa aŭ cerblacigita.

Con motivo de los «Juegos Florales» que se han de celebrar en Palma (Isla de Mallorca), durante «La Semana Sport», el «Club Esperantista» de aquella ciudad ha ofrecido un premio al escrito en cualquier lengua que se hable en España (gallego, castellano, catalán, mallorquín, vascuence, etc.), cuyo tema es «Esperanto como medio para expresar nuevas ideas».

Envíense las obras antes del 10 de Junio á D. Nicolás Dameto, Secretario de los «Juegos Florales».

En Sabadell (Barcelona), se ha fundado el grupo «Esperanta Fako» (Sección de Esperanto), de «La Academia Católica». Han sido nombrados los Sres. Juan Mayor, Presidente; Vicente Castaño, Vicepresidente; Bartolomé Villar, Secretario; Tomás y Antonio Penalva, Vocales.

Allí enseñan el esperanto los señores Torroella y Martí.

Los socios del grupo de Simat de Valldigna (Valencia), han nombrado para la siguiente nueva directiva á los señores Mansanet (Juan), Pres.; Mansanet (Tomás), Vic.; Serrano, Secr.; Solanes Vic.; Oltra, Caj.; Mansanet (Aurelio), Cont.; Mansanet (Leonardo), Bibl.; Boigues y Llaser, Vocales; Mansanet (Francisco) é Ivars, Directores.

En Susqueda, pequeño pueblo de la provincia de Gerona, situado en lugar apartado, entre grandes montañas, los sacerdotes y otras personas de allí, estudian el esperanto con grandísimo entusiasmo.

Los Sres. Puig y Soler, conocidos fabricantes de chocolate, calle de San Vicente, n.º 202, Valencia, han inventado una magnífica clase, fosfatado, marca «Esperanto», que venden por 1'50 ptas. (198 Sp.) libra. Recomendable para los niños y para toda persona de sangre pobre ó cerebro debilitado.

★ ★ ★

# Rezultato de la "Unua Konkurso 1910" de LA SUNO HISPANA

(Aperinta en nia Januara numero)

El la ricevitaj manuskriptoj ni juĝis egale premiindaj la du jenajn, al kies aŭtoroj ni sendis po unu ekzemplero de «La Perfekta Edzino».



## MALŜANCO

Jen rajdanto, fiera *Caballero*, kies la ĉevala sintenado estas tute plaĉa. Rekta la kapo, rekte la brusto, la pugno sur la kokso, Mia Dio! Kiel li tute bele aspektas.

Sed, pro kio, dekstren tiu atenta trarigardo? Kial tiel scivolema la horizonton li demandas? Ĉu vi karaj legantoj, ion ekvidas? Ne... Nek mi ankaŭ.

Kio do al vi okazas, mia *Caballero*? Viajn okulojn, ne sufiĉe ŝirmitajn per larĝa ĉapelo, senpacienca ardeco flamigas, kaj videblan maltrankvilecon montras lia vizaĝo. Kompreneble belulinon vi atendas; ĉu ne? Vi koleras ke ŝi ne alestas. Kvietigu vin, sinjoro. Ŝi venis, la belulino. Tiu ĉi mulino, forlasita de la perfidulino, asertas ĝin. Ŝi venis, sed forkuris. Adiaŭ la koketulino, adiaŭ. Anstataŭas ŝin tri mokemaj vilaĝanoj kaj malbela mulkondukisto. Tiu senedukulo, la manoj en poŝoj, malrespekte, ŝerceme rigardante vin flanke ŝajnas diri: «Tro malfrue Via Moŝto, tro malfrue. Forflugis la celota birdino! Malŝanco! Nenion por fari. Hejmen reiru. Mia mulino kiel mi mem tre sincere ambaŭ ni kompatas vin. Ĝis la revido, fiera *Caballero*, kaj alifoje plej bonan ŝancon».

Pseudonimo: *J. Behel*. Autoro: *Jules Bacquet*, 3, place de Caneving, Lille. —(Francujo).

## MIZERA BIENULO

Revenante de la foiro iu trankvila aragonamo renkontis en la vojo sur ŝtona kaj seka ebenaĵo tri iliajn revenintojn, kiuj estis traktantaj pri la bona kvalito de la *moŝta* azenino kondukata de ĝia mastro. Subite, kiam la ĉevalrajdanto tien alvenis, ĉiuj al li sin turnis mirigante la neatenditan aperon de blanka ĉevalo kune kun la teniĝo mizera, kvankan ĝentila, de l' posedanto.

Baldaŭ oni lin demandis ĉu de longe li ĝin posedas, al kio li respondis, ke dum la foiro li ĝin akiris.—Ĉu—diris alia.—Vi faris interŝanĝon kun alia pli maljuna?—Ne, ne,—li ripetis—pli bonan sorton kiel hodiaŭ, mi havis neniam. Dume, la *moŝto* azenino teren piedfrapante tremetis aŭdante pri ŝanĝo.—Kiom da mono, do al vi kostis ĝin?—demandis ties posedanto. Kaj la bonhumora aragonano, kiu ne ĉesis ĝis tiam rigardadi la trakurintan vojon, signante per la okuloj ion misteran, kaj trairante la scivoleman grupon, malaŭte elparolis: *kuru, kuru, ĉevalĉto mia, se nin kaptus... ĉia mastro...!*

Pseŭdonimo: *Biel Estock*. Autoro: *Sebastiano Pubill*, (Pastro Skolapiulo) Escuelas Pías, Olot (Gerona).—(Hispanujo).

# Bibliografio

*Camille Aymonier, L' Esperanto, réponse á des critiqnes.* Paris. Eldono de «La Revue du Mois», 2, Boulevard Arago.

Tiu ĉi bonega artikolo de la eminenta Esperantisto S-ro Camille Aymonier, verkita en franca lingvo, estas profunda studo pri tiu ĉi, bedaŭrinde ankoraŭ, aktuala afero, «la reformoj en Esperanto». La aŭtoro komparas nian lingvon kun Ido kaj montras per nerefutebla logikeco la grandan danĝeron de reformoj kaj la necesecon de nia *Fundamento.* Li ankaŭ elmontras la vojon sekvitan de Ido en la lasta tempo—ĉiama reformiĝo—, kies malsukceso estas sendube nesekvinda. En tiu ĉi mirinde bona artikolo, kiun ĉiuj fidelaj Esperentistoj devas atente tralegi, frapas de la unua momento granda senpartieco kaj fideleco al la vero, en la raporto de kelkaj faktoj kaj en la disvolvo de la argumentoj.

*Dictionnaire Esperanto-francais avec nombreux dérivés et locutions usuelles, Preface de Em. Robert.* Unu volumo, VIII, 362 paĝa. Eldonita de la Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lapépéde, Paris. Prezo: 2 fr. (afrankite: 2'50 fr.); bindita: 2'50 frankoj (afrankite: 3'00 fr.)

Tiu ĉi utila vastampleksa Vortaro Esperanto-franca enhavas ĉiujn radikojn de la Universala Vortaro de D-ro. L. L. Zamenhof, la radikojn alprenitajn de la Akademio, kaj aliajn multenombrajn ĉerpitajn el la esperanta literaturo, tio estas, en tuteco 21.470 vortojn (7.975 radikojn kaj 13.495 derivaĵojn).

Nur tion ekscii sufiĉas por kompreni la ekstreman gravecon de tiu ĉi nova vortaro, kiu tre utilos al la propagando de Esperanto, ĉar ĝi estas zorge redaktita kaj havas tre malaltan prezon, pro kio oni ne povus sufiĉe laŭdi ĝin al ĉiuj amantoj de nia afero.

*Belga Adresaro Esperantista por 1910.* Eldonita de la Centra Esperantista Belga Oficejo, Vondelstraat, 20. Antwerpen. Broŝureto, 160-paĝa. Prezo: 0'50 fr.

Tre utila verketo, kies profitoj de vendado estas difinitaj por la belga propagando de Esperanto, kaj enhavas: kalendaron por 1910, antaŭparolon, historion pri Esperanto en Belgujo, Regularon kaj Komitaton de la Belga Ligo Esperantista, adresaron de la blindaj Esperantistoj, liston de la Belgaj Esperantistaj Grupoj, Konsulejoj, delegitoj, k. c., de ĉiuj Belgaj Esperantistoj kaj de la esperantaj gazetoj.

Kiel oni vidas laŭ ĝia enhavo tiu ĉi *Belga Adresaro* estas tre interesa kaj ĉiuj naciaj esperantistoj devus ankaŭ eldoni laŭ tiu plano, ĉiujaran adresaron, kiu utilus tre al la propagando kaj praktika uzado de Esperanto.

*J. Poruks. La vakciniuja krono, novelo.* Tradukita el latva lingvo de P. Kikau· Eldono de la Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lacépéde. Paris. Prezo: 0'50 fr. (0'20 spesmiloj).

Tre interesa noveleto en kiu al la ĉarmo de rakonto aldoniĝas la delikateco de la stilo kaj korekta prozo.

*D-ro. P. Corret. Raporto pri la Va Kongreso de Esperantistoj* (Barcelona, 1909). Eltirita el *Lingvo Internacia.* Presa Esperantista Societo. Paris. Prezo: 75 centimoj.

Kiel klare montras la titolo, tiu ĉi broŝuro estas la raporto pri la lasta Kongreso de Esperanto, verkita per la lerteco kaj intereso, kiuj karakterizas la tekstojn de nia fervora kunbatalanto D-ro. Corret.

*Pri la homa radiado*, originale verkita de Emile Boirac, Rektoro de la Dijona Universitato. Eldono de la Presa Esperantista Societo. Prezo nemontrita.

Tiu ĉi bele presita broŝureto estas nur represo de la bela kaj interesa artikolo samtitola, kiu unue publikiĝis en *Internacia Scienca Revuo.*

*Konataj medicinaj produktoj fabrikitaj de Burroughs Wellcome & K.º Ĉefa oficejo: Snow Hill Buildings, London, E. C. Anglujo.*

Tre interesa katalogo kaj priskribo en Esperanto de la bonegaj produktoj de la firmo Burroughs Wellcome & K.º, kiu eldonante ĝin en la lingvo internacia montris ĝian grandan gravecon. Ni esperas, ke tiu ĉi faro de la famkonata firmo ricevos la publikan aplaŭdon kaj estos sekvinda ekzemplo por ĉiuj komercistoj.

*R. L. Stevenson. —Doktoro Jekyll kaj Sinjoro Hide, tradukita de William Morrison kaj William W. Mann. London. The British Esperanto Association, 133-136, High Holborn.* Prezo: 50 sd. (1 ŝilingo).

Tre interesa kaj bele eldonita verko. Ĝi estas unu el la plej rimarkindaj de l' fama stilisto angla Robert Louis Stevenson. La historio, kiun ĝi en plej trafa kaj atentonkatenanta maniero prezentas, estas unu el la plej strangaj, kiun iam elpensis homa cerbo. Per majstre lertaj vortobildoj la aŭtoro vidigas al ni la malvolviĝantajn fazojn de misteroplena okazaro, ĝis la fina deklaro de l' malfeliĉa Harry Jekyll—en profunde interesa ĉapitro—malkaŝas la tutan enigmon.

Ĉiu samideano, kiu volas legi bonstilan Esperantaĵon, kaj samtempe ĝui unu el la plej originalaj verkoj en la angla literaturo, devus aĉeti ĉi tiun tradukon.

*La Barbiro de Sevilla aŭ la senefika antaŭzorgo. Komedio en kvar aktoj el Beaumarchais, tradukita el la franca lingvo de Samuel Meyer.* Paris. Librairie de l' Esperanto. 15, Rue Montmartre, 15. Prezo: 0'40 Spesmiloj.

*La Barbiro de Sevilla* estas verko tiel famkonata kaj tiel ŝatata de hispanoj, ke estas ne necese ĝin prilaŭdi. Ni nur diros, ke la traduko de S-ro. Meyer estas majstra kaj inda je la originalo. Tial ni varme gratulas la eminentan tradukinton de *L' Avarulo* kaj *Vojaĝo interne de mia ĉambro*, ĉar li pliriĉigis la esperantan literaturon per juvelo tiel multekosta, kiel *la Barbiro de Sevilla*, kiu konservas sian tutan ĉarmon en Esperanto kaj kiun ni varme rekomendas al niaj legantoj.

*Marta.*—Rakonto de *Eliza Orzeszko*, tradukita el la pola lingvo de Dr. L. L. Zamenhof. Eldonita de la Firmo Hachette & Kº.—Unu bela volumo in-8, 237-paĝa, mendebla ĉe ĉiuj libristoj. Fr. 3'50.

Ĵus aperis ĉe Hachette romano de Eliza Orzeszko, tradukita de nia Majstro. Jen libro, kiun oni povas rekomendi en plena konfido, kiun neniu legos sen profunda emocio, kiu fluigos pli ol unu larmon. Iafoje oni havas tenton diri al la aŭtorino: Sufiĉe! nia koro estas tro premata; lasu penetri unu radion da lumo, da espero en tian mizeron. Sed tion ne volis la aŭtorino; ŝi volis skribi historion veran, instrui, konvinki, ne serĉante la facilan intereson de pasiaj aŭ imagaj romanoj. Dezirinde estas ke multaj virinoj ĝin legu, por ke ili ne fariĝu viktimoj, multaj homoj por ke ili ne faru viktimojn. Resume jen la temo. Iu virino, fariĝinte vidvino kun kvarjara knabineto, juna, sana, bela, plena de kuraĝo vane serĉas laboron, ne sukcesas havi laborenspezon sufiĉan por nutri sin mem kaj sian infanon, iom post iom, post alternoj de malespero, de rekuraĝiĝo, post multaj revoj, tiom multe da elreviĝoj, sekvinte longan vojon kalvarian, falas en abismon de mizero sen alia eliro ol la morto. Tiu virino estis sufiĉe klera, kiel plej multaj junulinoj el la granda mondo, ŝi sciis iom da ĉio, sed nenion ŝi sciis funde, ŝi lernis ĉion «por ornamo aŭ por bagatelaj oportunaĵoj de la vivo, nenion por utileco; ŝi ne povoscias»; ŝi havas nenian kapablon specialan, nenian metion. Unue ŝi instruas la francan lingvon; post unu monato, ŝi devas konfesi,

ke ŝi ne estas sufiĉe kapabla; ŝi devas ankaŭ konfesi, ke ŝi ne konas sufiĉe la muzikon, aŭ la desegnon, aŭ la altranĉadon; ĉiam kaj ĉie, oni rifuzas ŝin, ŝi ricevas la saman respondon. Konklude, «en nia socio nur tia virino povas atingi laborenspezon sufiĉan por la vivo kaj asekuri sian sorton kontraŭ grandaj suferoj kaj mizeroj, kiu posedas altan perfektecon en ia sciado aŭ ian efektivan talenton». Marta, se ŝi ne konsentas lasi morti pro malsato sian infanon solan en ĉambreto senmebla, sen fajro, estos devigata akcepti laboron de kudrado tre malmulte pagatan ĉe estroj senkoraj, kiuj ekspluatas la virinojn, ŝi devos labori dek horojn ĉiutage en laborejo mallarĝa, sen aero, en kiu regas ftizo kaj morto... Aliaj virinoj tamen vivas en lukso, nur ĉar ili estas belaj. Marta estas bela sed ŝi tremas de honto aŭskultante malhonoran proponon, nur pensante al tia falo. Ŝi restos fidela al la devo, ŝi akceptos ĉiujn humiligojn, ŝi petos almozon... Kiam en la ĉambreto, ŝia infano mortiĝos pro manko da medikamentoj, ŝi ŝtelos en unu minuto de frenezo kaj unu minuton poste, ŝi ĵetos sin sub la radoj de veturilo...

La leganto trovos en tiu romano ne nur scenojn tuŝantajn, pledon elokventan por la virinoj sed ankaŭ ĝustajn konsiderojn pri la konduto de la viroj, pri la nejustaĵoj sociaj, pri la nejusteco de la leĝoj, de la moroj, de la opinioj. Pri la traduko, mi diros nur, ke ĝi plene komprenigas kiel meritita estas la granda literatura reputacio de Eliza Orzeszko.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11.—Valencia.